Sekvis salutoj de reprezentantoj de la Landaj Asocioj (direktoro de C.O. D-ro V.Sadler informis ke la listo de Landaj Asocioj plilongiĝis pro akcepto de du novaj asocioj : la Ĉeĥoslovaka kaj Irlanda): Aŭstrujo (Raimund Coch), Belgujo (Gerard Debrouwere), Britujo ( John Brownlee invitante al multnombra vizito sekvontjare en Londono por montri ke ekzistas miloj da esperantistoj kiuj parolas Esperanto), Bulgarujo (Hristo Gorov), Ĉeĥoslovakujo (Drahomír Kočvara informante ke ekde decembro 1969 ekzistas Ĉeĥoslovaka E-Federacio kun 1100 anoj aliĝintaj al UEA), Danlando (Inĝ.P.V.Hagger), Finnlando (F-ino Niemola), Francujo ( Jack-André Rousseau), Germanujo (S-ino Bormann), Grekujo ( Georgios Niggas), Hispanujo (Prof.Miguel Sancho-Izquierdo), Hungarujo ( Bela Berceli), Irlando (Pat O'Reilly), Israelo (D-ro Henryk Maschler), Italujo (D-ro Umberto Stoppoloni), Japanujo (Ter Isiguro), Jugoslavio ( Prof.D-ro Boĵa Popović informante pri lingva egaleco ne nur de slavaj popoloj en Jugoslavio sed ankaŭ de minoritatoj), Kanado ( Kenneth Price tralegis leteron de la Ĉefministro), Nederlando ( S-ro Hoetkamp informante pri TV-kurso por Europo). Norvegujo (Thure Rosberg), Nov-Zelando (F-ino Gladys K.Jones), Pollando ( Leon Ksionicz), Sud-Afriko ( S-ino Ella Dickson), Svedujo ( Rektoro Einar Dahl) . Svislando ( K.H.Mischler), Usono (James Parr). Sekvis salutoj de landaj asocioj ne aliĝintaj al UEA: GDR (S-ro [illegible]), Hindujo (telegrafe S-ino Haudebine), Koreujo (S-ro Choi), Malto (skriba saluto de Malta E-societo, Carmel Mallia), Sovetunio (Bokarev) kaj de landoj sen organizita E-movado: Arabujo (D-ro Nassif Isaac), Kongo (S-ro Dirk Brink), Indonezio (S-ro Eriko Sunardo), Portugalujo (S-ro Antonio Rodrigues Correia), Rumanujo (Prof.Nicolae Bulencea), kaj telegramaj salutoj interalie de Kardinalo König k.a.

Post muzika punkto de Forvoja muziko sekvis festparolado de Prof. D-ro Ivo LAPENNA, la prezidanto de UEA (vidu Aldonon II ). Per "La Espero" finiĝis la Inaŭguro de la Kongreso. Komuna fotiĝo ne okazis.

\+ + +

15,30 INAŬGURO DE LA INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO okazis en salono Grabovski sub prezido de Univ.Prof. D-ro Eugen Wüster kaj partopreno de 120 personoj. Post enkondukaj vortoj de la rektoro kaj referaĵo pri terminologio sekvis

16,00 I.S.U. prelego de Prof.D-ro E.J.Görlich pri "Austra literaturo kiel interligilo inter la popoloj" (resumon vidu en Kongresa Libro p.46)

17,00 KATOLIKA DISERVO okazis en preĝejo Minoriten-Kirche (partoprenis 500 personoj, kiuj solenis la meson en Esperanto en formo de kuncelebrado en kiu partoprenis katolikaj pastroj el 8 landoj. Prediko Sigmundo Klimowicz, Ĉeĥo, pri la ekumena kaj porpaca tasko de la katolikaj esperantistoj. Post la meso P.Robert Kunert, Innsbruck, pastriĝinta en junio donis al ĉeestantoj sian benon kaj bildetojn kun E-teksto.

17,00 PROTESTANTA DISERVO okazis en la Luterana preĝejo, partoprenis 200 p.

19,00 AŬSTRA VESPERO okazis en plenplena salono Zamenhof, daŭris tri horojn kaj duono. Programon vidu en Kongresa libro p.61. Jen marĝena impreso iom mallongigita de mia kunlaborantino Emilija Laperna: Mire oni devas demandi sin kial ekzistas raportoj en la bultenoj de la Gazetara Servo, kritikoj kaj recenzoj aperantaj en gazetoj, se neniu atentas konstatojn kaj konsilojn donitaj en ili!? Plurfoje estis publike konstatite ke la kongresa publiko ne estas koncerta aŭ teatra publiko, ke ĝi estas ege diversspeca kaj pro tio la kongresaj programoj estu zorge kunmetitaj, variaj, ne lacigaj kaj ne tro longaj. Jene! Denove ripetiĝis la konstanta malsano de tiuj programoj: aŭstra vespero estis en unu sia parto inte-

resa nur por malgranda parto de kongresanoj kaj la folklor-kultura parto estis tro longa.Eĉ kiam la publiko pli ol evidente montris deziron ke la programo finiĝu(malpleniĝis preskau duono de la salono), la organizantoj ne volis tion kompreni (oni sciu, ke granda parto de kongresanoj loĝis malproksime de la Kongresejo kaj bezonis preskau unu horon por per tramo atingi sian hotelon, rimarko de GS!).

La programparto dediĉita al la serioza muziko estis bona, ĉiuj solistoj certe solide preparis siajn erojn, sed ĉu koncertojn de la serioza muziko oni prezentas en la salono kie la pordo ekzistas, ke en ĉiuj malfermitaj koridoroj homoj babilas, ridas, trinkas, alvokas unu la alian.. kaj komplete per tia atmosfero detruas la koncertan etoson? Ĉu estus vere neebla antauvidi tion?

Eroj el la dua parto, precipe ĉaskorna kvinteto, bone povis vigligi la interkonan vesperon kiu estis sen ia programo kaj tamen restus por la Austra vespero sufiĉe da dancoj kaj kantoj. Inter la kantistoj elstariĝis nur Maria Prinz per bona elparolo de la teksto kaj bona kantado.

Programgvidisto s-ro Vokal lerte faris sian taskon, s-ro Hugo Kraus lerte tradukis la kantitajn tekstojn, ĉiuj tre klopodis por ke la aranĝo bone sukcesu, sed nepre volis montri pli ol unu kongresa aranĝo povas enteni. Jes, aplaŭdo estis forta kaj sincera sed ankaŭ forlasado de la salono estis konstanta kaj tre rimarkebla. Kial ne eviti tion?

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

Por utiligi la spacon ni donas koncizan raporton pri la
INSTRUISTA INTERNACIA KONFERENCO okazinta en MARIBOR (Jugoslavio)
de la 27-a ĝis la 31-a de julio 1970

La Konferenco kiun partoprenis delegitoj el 17 landaj sekcioj de ILEI (Austrio, Britujo, Bulgarujo, Danlando, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Hungarujo, Italio, Japanujo, Jugoslavio, Kanado, Suda Koreujo, Nederlando, Svedujo, Svisujo, Usono) pritraktis kiel ĉefajn temojn la ableccojn por la vastigo de la instruado de la Internacia Lingvo en diversaj landoj ĉu eksperimente ĉu ĝenerale. La laborkampo estis tre vasta. La konferenco okupis sin pri baza dokumentaro por uzo inter la neesperantistoj kaj oficialaj instancoj en ĉiuj landoj, plie pri la kreo de infangazetoj kaj infanliteraturo kaj por doni al la infanoj la eblecon renkontiĝi en lokoj de Europo kaj por uzi la scipovon de internacia lingvo Esperanto. Oni decidis starigi feriajn centrojn por gejunuloj inter 11 16 jaroj. En la diversaj raportoj de la landaj sekciestroj de ILEI montriĝis ke Esperanto ĉiam pli trovas grandan atenton ĉe la politikaj kaj fakaj instancoj. La konferencoj partoprenis pli ol 100 personoj. La partoprenintojn salutis la urbestro de Maribor Mirko Zlender substrekante la gravecon de Esperanto en interkompreniĝo de la homoj de la mondo.

Oni akceptis apartajn konkludojn kaj decidojn rilate bazan dokumentaron, infangazeton, feriajn centrojn, Internacian Pedagogian Revuon, televidan kurson de Esperanto (subteni klopodojn en Nederlando por la starigo de televida kurso de Esperanto), normigo de superaj ekzamenoj por esperanto-instruistoj, normigo de la lernejaj instruplanoj, lernolibroj k.s.

lundon, 3-an de aŭgusto 1970

9,00 I.S.U. okazigis prelegon de Prof.D-ro Ivo LAPENNA pri "Atingoj kaj malsukcesoj de Unuiĝintaj Nacioj". Partoprenis 250 personoj. Resumon vidu en Kongresa Libro p.47.

9,00 INTERRELIGIA KUNVENO ESPERANTISTA okazigis kunvenon sub prezido de S-ro Josef Eder kaj partopreno de 100 personoj el 30 landoj. Estis prezentitaj referatoj de 15 reprezentantoj de diversaj religiaj kaj spiritsciencaj organizoj sub la komuna temo "La religia homo en praktiko en la nuna mondo." Je la fino oni esprimis proteston kontraŭ la religiaj persekutoj en iu ajn lando, turnante sin al la registaroj de landoj kiuj subpremas la religiojn, postulante obligon al ĉiu religiemulo praktiki siajn religi-ritojn surbaze de la Deklaracio pri la Homaj Rajtoj.

9,00 INTERNACIA LIGO de Esperantistaj Instruistoj okazigis komitatkunvenon sub prezido de R.H.M.Markarian kaj partopreno de 10 komitatanoj kaj 13 interesatoj el 7 landoj.Sekretario prezentis jarraporton.Kunveno estis samtempa kun prelego de D-ro Lapenna kaj pro tio de 30 komitatanoj partoprenis nur 10, tiel ke oni ne povis bone pritrakti ĉion kaj efike labori ankaŭ pro limigita tempo.

9,00 UNIVERSALA MEDICINA ESPERANTO-ASOCIO okazigis kunvenon sub prezido D-ro Shinoda kaj partopreno de 30 personoj el 16 landoj.La sekr. Maria Jarnuszkiewicz prezentis raporton pri la laboro en lasta periodo,sekvis raporto de MUDr Libuše Blahová.Oni substrekis necesoن de sendependigo de UMEA de ISAE ĉefe pro financaj aferoj. Post la fino oni prezentis filmon pri rajdado kiel moderna terapio.

9,00 KUNVENO de Kongresorganizantoj ne okazis.

10,00 UNUA ĜENERALA KUNVENO DE UEA okazis sub prezido de s-ro Vensing, vic-prez. de UEA, kaj partopreno de 400 personoj el 25 landoj. Estis pritraktita la estrara raporto kaj salutoj de fakaj organizaĵoj. La raporton prezentis s-ro Günther Becker, ĝen. sekr. de UEA, kiu resumis la esencajn partojn de la raporto. La prezidanto de UEA, prof. Lapenna, petis la ĉeestantojn, dum la kunveno kritiki la laborojn de la estraro. F-ino Vermaas petis informojn pri la kostoj kaj ekspluatado de novaj presmaŝinoj, s-ro Starr kaj aliaj plendis pri eraroj en la delegita reto kaj pri la fakto, ke en pluraj grandaj urboj ne estas delegitoj. S-ro Starr laŭdis la enhavon kaj aspekton de la Revuo Esperanto, al kio aldoniĝis la peto de s-ro Haazen (Belgujo), ke se eble ankaŭ aperu artikoloj el foraj landoj. S-ro Simonnet (Francujo) opinias, ke La Praktiko ne ankoraŭ estas tia, kia ĝi devus esti, nome kun facila lingvo por komencantoj. Al diversaj demandoj kaj rimarkoj respondis la ĝen. sekr. kaj aliaj estraranoj. La Direktoro de la C. O. deklaris, ke en 1971 la Unua Parto de la Jarlibro kun la delegita reto aperos en la komenco de la jaro. Salutis la kongreson: Skolta Esp.-Ligo, LIBE, TEJA, STELO, ORE, ISAE, Internacia Aŭtomobilista Klubo kaj por la junularo parolis s-ro Moritz.

14.00 BELARTAJ KONKURSOJ okazis sub prezido de Prof. Waringhien kaj partopreno de 70 personoj. Estis proklamitaj premioj por premiitaj verkoj, kiujn legis Prof. Waringhien, Roger Bernard, E. Lapenna, S. Milojević kaj N. Rytjkov. La raportojn prezentis Prof. Waringhien kaj E. Lapenna, sekr. de BK.
Rezultato de Belartaj Konkursoj 1970 vidu sur la sekva paĝo.

Originala Poezio

1. kaj 2. premioj ne aljuĝitaj
3. Niccolino Rossi, Italujo: "Miorenkontoj"

Laŭda mencio: Zora Heide, Danlando: "Vi al mi, mi al vi honore"

Tradukita Poezio

1. Prof. Gaudenzio Pisoni, Italujo: "Rido de la bela virino" de Gabriello Chiabrera
2. ne aljuĝita
3. a) Gaudenzio Pisoni, Italujo: "Sur monte Marjo" de Giosue Carducci
   b) Masayuki Kuroda, Japanujo: "Ohiro" de Mokito Saitoo

Originala Prozo

1. kaj 2. ne aljuĝitaj
3. Andreo Szabo, Hungarujo: Vojkurba renkonto"

Originala Dramo

premioj ne aljuĝitaj

Laŭda mencio: Eduard V. Tvarožek, Ĉeĥoslovakujo: "La pandmaĉo"

Nova talento

Adam Hrynkiewicz, Argentino, por traduko de la poemo "Se" de Rudyard Kipling.

14,00 INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ okazigis publikan kunvenon sub prezido de Mag.R.H.M.Markarian kaj partopreno de 200 personoj. Estis prezentita raporto pri la konferenco okazinta en Maribor (vidu pri ĝi nian raporton en Bulteno I,p.3) kaj priparolis planitan laboron por la venontaj jaroj (IPR, varbado, komunaj instruplanoj).

14,00 INSTITUCIO HODLER 68 - la raporto ne atingis nin.

14,00 INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO okazigis fakkunvenon sub prezido de D-ro Stéfanó Barkaj partopreno de 52 personoj el 9 landoj. Post ĝenerala trarigardo de la movado sekvis faka prelego de inĝ.Walter Huber kun filmprojekciado en Esperanto, pri la aŭtomata kuplilo inĝ.Wilhelm Hermann, D-ro Bacskai kaj Joachim Giesner pri kontribuo al la raciigado de la fervojoj por aŭtomata kuplilo kaj faka instruado precipe de junaj fervojistoj.

14,00 INTERNACIA ESPERANTO-ASOCIO de JURISTOJ okazigis sian administran kunvenon sub prezido de D-ro Lapenna. Estis prezentita raporto pri la agado de IEAJ en la pasinta laborjaro kaj priparolita la sekvanta publika kunveno. Raporton prezentis D-ro Marton, kiu konstatis ke ekzistas membroj en 33 landoj. Estas elektita nova estraro: Prof.D-ro Ivo Lapenna, prezidanto, D-ro Lajos Marton, viceprez. ktp.

15,30 TUTMONDA ESP.JURNALISTA ASOCIO raporto pri kunveno ne atingis ni.

16,00 OFICIALA AKCEPTO FARE DE LA URBESTRO de VIENO okazis en Viena Urbodomo kaj partoprenis ĝin preskaŭ ĉiuj kongresanoj. Variaj manĝaĵoj, bongustaj vinoj, afablaj vortoj kaj muziko kaj okazo por danci instigis la kongresanojn resti tie ĝis la 18-a horo.

18,30 TEATRAJ PREZENTADOJ okazis en Raimundtheater. Programon vidu en Kongresa libro p.62, kaj kritikon de B.Lapenna farotan okaze de la dua prezentado (Bulteno 3, p. 3).

19,00 FILMPREZENTADOJ okazis en salono Zamenhof. En la unua vespero D-ro Hugo Kraus post koncize enkonduko pri la historio de Vieno prezentis la kongresurbon per kolordiapozitivoj kaj per sonoj. Tiu "promenado" scüigis pri la loktipaj interesaĵoj.(Vidu pli detale en Kongresa Libro p.82).

55-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO 1.-8.VIII. 1970 VIENO

G A Z E T A R A   S E R V O  BULTENO n-ro 3

mardon, 4-an de aŭgusto 1970

"JUNULARA TAGO"

9.00 I.S.U. okazigis prelegon de s-ro J. C. Wells pri "Transforma-generena gramatiko. Partoprenis 200 personoj. Vidu resumon en la kongresa libro, p. 48.

9.00 Informaj fakoj okazigis kunvenon sub prezido de s-ro G. Becker kaj partoprenis 70 personoj el 12 landoj. Post enkonduka raporto s-ro Bourdaux raportis pri informa centro en Parizo kaj prezentis proponojn pri Informa Seminario, informa broŝuro, interligilo kaj pri modernaj varbmetodoj. En la diskuto partoprenis f-ino Vermass, s-ro Mark Starr, s-ro Marinko Ĝivoje pri sportoj ĉe Kongresa Gazetara Servo en Helsinki kaj Vieno k.t.p.

9.00 Kristana Esperantista Ligo Internacia okazigis kunvenon sub prezido de Dirk de Boer kaj partoprenis 100 personoj el 15 landoj. Post la raporto pri la kongreso en Klagenfurt kaj ĈSSR oni preprezentis inviton al Britujo por KELI-Kongreso, kie la ĉefa temo estu: "Nia laboro en nuna jardeko". Raporton pri la kongreso de kristanaj esperantistoj, kiu estis organizita de IKUE kaj KELI prezentis la sekretariino Tini Putto. Tiu ĉi kongreso anstataŭis la lastmomente malpermesitan kongreson en Brno. Substrekinda estas la fakto, ke multaj gejunuloj aktive partoprenis la kongreson. Informojn pri la sekvonta kongreso en Abingdon apud Oksford (24.-31.a de julio) prezentis s-ro Griffiths.

9.00 Internacia Ligo de Esperantistaj Radio-Amatoroj okazigis kunvenon sub prezido de s-ro Wesian kaj partoprenis 12 personoj el 6 landoj. Temis pri fondoĝo de ILERA. Oni akceptis statuton ĉiuvoĉe. S-ro Lindberg estas elektita kiel prezidanto kaj s-ro Kuemer kiel vic.-prez. S-ro Vokal estas komisiita fari laborplanon por la Esperanta-Stacio dum la kongres-semajno.

10.00 Oratora Konkurso okazis en salono Grabowski, partoprenis 200 personoj. Prezentiĝis 5 parolantoj: S-ino Aberg, s-roj D. Charters, I. Haazen, Coerndorfer kaj Runduch. La unuan premion gajnis: Duncan Charters (Usono) pri la temo "Kion volas mia generacio"; la duan: Io Haazen (Belgio)"Aŭtoritatisma demokratio aŭ anarkio en lernejoj"; la trian: I. Aberg (Svedio): Ĉu la lernejoj edukas la junularon por la estonteco". La juĝkomisiono konsistis el: H. Tonkin, J. Thierry, A. Pettyn.

11.00 Tutmonda Junulara Esperantista Organizo okazigis kunvenon sub prezido de s-ro d-ro H. Tonkin kaj partopreno de 70 personoj. Prezentiĝis kelkaj landaj sekcioj kej sekvis debato pri la deklaracio de Tyresö. Landaj sekcioj raportis pri siaj atingoj kaj la ĉeestantoj diskutis pri la nuntempa junularo kaj junulara protesto.

11.00 Veterana Esperantista Klubo kunvenis sub prezido de s-ro Mark Starr kaj partoprenis 25 personoj el 12 landoj. Oni disaŭdigis sonbendan saluton de la prezidanto Maŭrice Lewin. Oni konstatis, ke ekzistas pli ol 700 Veg-anoj. Oni sugestis, ke ĉiu Veg-ano prizorgu sian foton kaj donacu al arkivo. Plue ke ili testamentu heredaĵon al la Esperanto-movado. Fine oni esprimis dankegon al s-ro Lewin pro longjara fidela laboro.

11.00 Ornitologia Rondo Esperantlingva okazigis kunvenon sub prezido de s-ro de Smet kaj partopreno de 21 personoj el 7 landoj. Oni prezentis historion de "ORE" kaj la kasistan raporton. La temo de diskuto estis: "1970 - 'Eŭropa jaro de Naturprotektado".

11.00 Akademio de Esperanto okazigis nepublikan kunvenon sub prezido de s-ro Prof. G. Waringhien kaj partopreno de 13 personoj el 11 landoj. Oni omaĝis la mortintan prof. Rakuŝa (Maribor).

11.00 Mondpaca Esperantista Movado okazigis sian kunvenon, kiu estis sufiĉe bone vizitita. La raporto ne atingis la Gazetaran Servon ĝustatempe. La KGS estis tamen informita, ke, post sufiĉe longa diskuto la kunveno akceptis rezolucion per ĉiuj voĉoj kontraŭ du, per kiu ĝi esprimas sian subtenon al ĉiuj klopodoj, fortigigantaj la mondan pacon kaj esprimas la esperon, ke la konferenco inter la usonaj kaj sovjetaj reprezentantoj en Vieno donos kontentigajn rezultojn.

14.00 I.S.U. okazigis prelegon de s-ro L. Laurat pri "Nacia kunvivado en la aŭstra-hungara ŝtato kaj paraleloj kun la unuiĝo de Eŭropa. Partoprenis 130 personoj. Resumo: Ĉefa problemo por Eŭropo estas la lingva problemo - nur Esperanto povos ĝin solvi. Vd. ankaŭ kongresa libro p. 49.

14.00 Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Filologoj kunvenis sub la prezido de s-ro K. Valev. Partoprenis 32 homoj. Ili proponis, ke la unuiĝo okupiĝu pri esploro de sciencaj problemoj de esperantistoj. Oni speciale prilaboris la fonetikon kaj la metodikon de la Internacia Lingvo.

14.00 Esperanto-Ligo Filatelista okazigis kunvenon sub prezido de s-ro T. A. Rousseau kaj partopreno de 20 personoj el 10 landoj. Oni proponis, ke dum ĉiu UK okazu filatela ekspozicio pri la temo Esperanto kaj ke komisiito en la kongreslando en kunligo kun la LKK zorgu pri speciala poŝtmarko kaj stampo. Denove oni plendis, ke la poŝtistaj oficistoj ne komprenas la Internacian Lingvon.

14.30 Junularo provokas: Estas aparta programero en kadro de TEJO-programo, al kiu partoprenis 100 personoj. En sia raporto ili skribis, ke la tagordo konsistis el provokaĵoj, prezentitaĵn de provokantoj, la diskuton partoprenis ceteraj provokaloj (kongr.-n-ro 1 ĝis 2000) kaj je la fino oni akceptis la jenan rezolucion: Daŭre provoki. La raporton subskribis unu provokanto.

15.30 Aŭstra Esperanto-Instituto okazigis kunvenon sub prezido de s-ro d-ro Grimme kaj partopreno de 17 personoj el 4 landoj. Estis prezentita raporto pri la 25-jara agado de la organizo.

16.00 I.S.U. - D-ro W. Bormann: Formoj de ekonomiaj integriĝoj, avantaĝoj kaj problemoj. En ĉeesto de 95 aŭskultantoj la preleganto montris, abunde uzante la tabulon por klarigoj, la funkciadon de komunaj merkatoj. Sekvis vigla diskuto i. a. pri agrikulturaj prezoj.

16.00 Internacia Esperantista Klubo Aŭtomobilista kunvenis sub prezido de s-ro G. Grattapaglia, partoprenis 60 personoj el 10 landoj. La agado de IEKA disvolviĝis en du direktoj: Interna kunordigado de la agado de landaj reprezentantoj kaj fak-delegitoj pri aŭtomobilismo kaj ekstere: informado de ne esperantista gazetaro pri la laboro de la klubo.

16.00 Internacia Asocio de Bibliistoj kaj Orientalistoj okazigis kunvenon sub prezido de s-ro prof. A. Duranti kaj partopreno de 32 personoj el 9 landoj. Oni substrekis la neŭtralecon de la asocio kaj konstatis la progreson de la movado por la enkonduko de Esperanto inter la bibliistoj kaj orientalistoj. La nova traduko

de la Biblio en Esperanton estu literatura altnivela, sen eklezia tendenco, utiligante ĉiujn science trovitajn faktojn.

17.00 Podia diskuto pri Landaj Asocioj kaj Landaj Sekcioj de TEJO. Partoprenis 70 personoj sub prezido de S-ro S. Čolić. Oni diskutis pri rilatoj inter la landa asocio de UEA kaj landa asocio de TEJO.

18.30 TEATRAJ PREZENTADOJ (Teatro Raimond)

Jen kritiko de nia raportistino s-ino Emilija Laponna:

Malbenita kaj benita - Sybilla - de P. Lagerkvist

Verŝajne la sola kongresa grandaĵo, kiu komenciĝis precize je la difinita horo, estis la oficiala teatra prezentaĵo. Multaj kongresanoj, kiuj el foraj partoj de Vieno pene trovis la vojon ĝis tiu teatrejo, eniris en malluman salonon, kie sur la scenejo jam monologis Karina Waŝkiewicz (Pollando) en sia simpla ruĝa vestaĵo. La teksto de Pär Lagerkvist estas longa monologo pri la sorto de unu Sybilla, kiu povus esti ĉiu virino, ĉiu homo, kredinta al idealoj kaj ĝisvivinta seniluziiĝon, disŝirinta inter noblaj taskoj kaj simpla homa sorto, en kiu la varma homa amo estas la plej granda valoro. La vort-torento de la teksto postulis de la aktorino envivigon, ekstreman fortostreĉon. Eĉ por momento ŝi ne povis permesi, ke la spektantoj sentu, ke ŝi solas sur la scenejo kaj ke la tuta dram-agado estas nur la vorto kaj ŝia figuro per vualo kovrita. Karina Waŝkiewicz tiun vere malfacilan rolon prezentis majstre aŭ en kresĉenda parolo - aŭ per konvulsiaj krioj moviĝante sin sur la scenejo jen per malrapidaj paŝoj, jen per rapidaj preskaŭ-saltoj.

La lingvo de la tradukinto Ib Schleicher estas flua, vivanta, tamen ne perfekta, kia la teatra lingvo devas esti. Sed en tiu tre longa teksto nur kelkaj makuloj tute perdiĝas. Restas la impreso pri bona scenlingvo.

Obdeca, naiva kaj korproksima - "La virina regno" - de St. L. Kostov.

La Bulgara Esperanto-teatro prezentis komedion en folkloraj kostumoj, sed laŭ enhavo ne ligitan al la bulgara vilaĝo. La komedio baziĝas sur bone konata komedia temo de inversiĝo, kio ĉiam, se iom lerte prezentita, atingas la celon: ridigas spektantojn. La virina regno montras ĉiujn malbonajn ecojn de viro-mastro, nur la komandantoj estas virinoj en pantalono kaj suferantaj viroj en jupo. Sur la lerte kaj samtempe arangita scenejo evoluas la naiva dram-agado kun la fina ŝanĝo de la situacio, denove establo de la vira regado. Ĉio finiĝas per gaja rondodanco kaj ĉarma kanteto. Tiaj komedioj, kvankam laŭstile malnoviĝintaj, kiel kongresprogramo estas bonvenaj, ĉar rido, gajeco kaj humoro neniam malaktualiĝos.

La komedion reĝisoris prof. Mois Beniŝ en groteska stilo, kiu certe por tiu komedio estas la plej adekvata. En la aktora kolektivo elstariĝis la juna Stefan Stajĉef apud Margarita Duparinova, kiu plej multe proksimiĝis en sia aktorado al grotesko.

La gvidanto de la ensemblo, Kiril Draĝev, rikoltis sinceran aplaŭdon, direktitan al li kaj al la aktoroj, kiuj prezentis viglan, bone rolitan, ne nuntempan, sed plaĉan teatraĵon, kapablan kontentigi atenton de homoj, neinteresitaj pri la teatra arto.

20.00 JUNULARA VESPERO kun danco laŭ varmega muziko, bone frekventita de junaj kaj ne pli tute junaj kongresanoj.

9,00 I.S.U. okazigis prelegon de D-ro H.E.Falle "Kiel komputilo komprenas", kiun partoprenis 150 personoj. Vidu resumon en Kongresa libro p.51.

9,00 KOMITATO de UEA kunvenis sub prezido de la prezidanto kaj partopreno de 48 komitatanoj el 20 landoj. Estis prezentitaj raportoj de komitataj komisionoj (pri financoj, laborplano, junularo).

9,00 OOMOTO okazigis kunvenon sub prezido de S-ro Yoshimi Umeda kaj partopreno de 60 personoj el 30 landoj. Okazis paroladoj pri la Oomoto-movado, opiniesprimoj de la ĉeestantoj kaj demandoj.

9,00 MUZIKA ESPERANTO-LIGO - raporto ne atingis nin.

9,00 STUDENTA TUTMONDA ESPERANTISTA LIGO okazigis kunvenon sub prezido de inĝ.Boĵidar Leonov kaj partopreno de 15 personoj. Estis prezentita raporto pri la nuna situacio de STELO kaj pri la ĵus okazinta 6-a Internacia Esperanto-Seminario ĉe la Universitato en Toruń. Oni akceptis rekomendojn ke la Internaciaj Junularaj kongresoj estu la kongresoj de esperantistaj studentoj kaj enhavu "studentajn" du tagojn; ke oni koncentrigu la fortojn al subteno de la Internaciaj Esperanto-seminarioj en Toruń; ke oni provu ebligi publikigadon en Esperanto de diplomaj disertacioj k.s.; ke studentoj pli abunde kontribuu al KONTAKTO, aliflanke eventuale al SCIENCA REVUO.

11,00 SOMERAJ UNIVERSITATAJ KURSOJ - raporto ne atingis nin.

11,00 I.S.U. okazigis prelegon de Prof.D-ro I.Szerdahelyi pri "Apliko de ekzaktaj metodoj en la didaktika kompar-lingvistiko". Partoprenis 200 personoj. Resumon vidu en Kongr.libro p.52.

11,00 KVAKERA ESPERANTO-SOCIETO okazigis kunvenon sub prezido de Fred Parker kaj partopreno de 12 personoj. Generala diskuto pri kvakerismo en la kadro de E-movado.

11,00 ISAE okazigis administran kunvenon sub prezido de D-ro P.Neergaard kaj partopreno de 36 personoj el 12 landoj. La ĝen.sekr. Prof.Boĵa Popović prezentis raporton kaj sekvis dikuto pri agado ĝis 1975. Oni konstatis ke membronombro kreskas malrapide, Scienca Revuo (kun Bulteno de ISAE) aperadis regule, fakaj sekcioj estis aktivaj sed nesufiĉe ligitaj kun la Estraro de ISAE, estas enkondukitaj dumviva kaj plurjara kotizoj. Oni decidis provi organizi Internacian konferencon pri la lingva problemo en sciencoj, en la kadro de la agadplano eldoni almenaŭ unu lernolibron poruniversitatan kaj aperigadi apartajn unufakajn n-rojn de Scienca Revuo.

11,00 Esperanto-Centro de Mondcivitanoj okazigis kunvenon pri la temo "Mondfederismo, Mondcivitaneco kaj Esperanto" sub prezido de R. Volpeliere kaj partopreno de 60 personoj.

14,00 DEBATO pri la temo "Generacia konflikto - realaĵo aŭ preteksto?" okazis sub prezido de Joachim Moritz kaj partopreno de 200 personoj. Raportintoj: S-ro H.Holmes resumis ke la junularo estas vaste subtenata, tamen ankoraŭ ekzistas problemoj kiujn pretekste uzas ekstremuloj por ribeli; S-ro I.Osibov: fundamentaj malkonsentoj inter la generacioj ekzistas, kaj la socia konscio ĉiam postrestas la evolucion. En la diskuto partoprenis 20 personoj.

16,00 INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA okazigis kunvenon sub prezido de S-ro W.Mudrak el Vieno kaj partopreno de 60 personoj el 11 landoj. Estis diskonigita enhavo de saluttelegramo de ĉefepiskopo S-ano D-ro Eduard Macheiner, Salzburg. Oni raportis

55-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO 1.-8.VIII 1970 VIENO

GAZETARA SERVO — BULTENO n-ro 5

ĵaudon, 6-an de aŭgusto 1970

EKSKURSA TAGO

Ekskursoj - rondvojaĝoj en Vieno per aŭtobusoj - komenciĝis jam dimanĉon. Tiujn ekskursojn partoprenis entute pli ol 600 kongresanoj. Aldonaj, kompreneble, ekskursis per propraj aŭtomobiloj. Dum postaj tagoj okazis ekskursoj: B al Okcid.Viena Arbaro (150 personoj), C al Suda Viena Arbaro (200) kaj D al Kreuzenstein (100 personoj).
Hodiaŭ okazis ekskursoj: al Neusiedler Lago (350), al Wachaŭ (250), al Rax (100) kaj Semmering (100). Ekskursoj okazis per aŭtobusoj, escepte ekskurson "F" (al Wachaŭ) kiu okazis per trajno. Oni ekveturis je la 8-a resp. 9-a horo.

Pro tempomanko ni ne povos doni en nia bulteno observon pri ĉiu ekskurso. Laŭ ricevitaj raportoj ĉiuj ekskursoj bone sukcesis. Tamen jen raporteto de S-ino Emilija Lapenna pri la ekskurso al WACHAŬ:
Anstataŭ en trajno, la ekskursantoj sidis en aŭtobusoj, anstataŭ viziti plurajn lokojn, ili vizitis nur la abatejon Melk, anstataŭ forveturi perŝipe je la 16-a horo, la enŝipiĝo al la plenplena ŝipo okazis multe pli poste. Vera miraklo ke en la infera tumulto ĉe la enŝipiĝo neniu estis premvundita. Tamen la tagmanĝo estis bona kaj pejzaĝoj de la Suda Aŭstrio vere belaj ( la vicurbestro salutis la karavanon). Sufiĉe por forgesi ĉion malbonan kaj proklami, laŭ la tradicio, ankaŭ tiun ekskurson - plena sukceso kun danko al la fervoraj gvidantoj (tiuj vere multe zorgis kaj klopodis kontentigi ĉiun).

21,00 LITERATURA RECITALO okazis en salono Grabowski. Nikola Rytjkov prezentis al la publiko la sovetan verkiston Aleksandr Solĵenicin, la autoron kiun trafis tri grandaj malfeliĉoj: la milito, la prizono, kaj la kancero. "Recital" konsistis el prezento de biografiaj faktoj pri la autoro kaj prezento de tri fragmentoj el la verkoj de Solĵenicin kiujn li mem tradukis. Temas pri fragmentoj el la romanoj "Kancera hospitalo" kaj "En la unua rondo", kiuj estas tradukitaj el diversajn lingvojn.

11-a INTERNACIA INFANA KONGRESETO

okazis kaj okazas en suda distrikto de la Urbo. Partoprenas ĝin 39 infanoj el 12 landoj (8-14-jaraj). Urbestro invitis kaj regalis la infanojn en la urbodomo. La ĉeforganizanto estas instruisto el Graz S-ro Josef Wesian. La infanoj tre bone parolas la lingvon. La plimulto estas denaskaj esperantistoj.

---

Esperantaj gazetoj petataj represi:
Interesatoj pri okaza kongresa stampo sur afrankita kongresa koverto povas havigi ekzempleron kontraŭ 1 internacia respondkupono ĉe Marinko Gjivoje, Zagrebačka Dubrava, P.p. 25, Jugoslavio

---

ATENTIGO al la uzantoj de la bultenoj:
Ne uzu la bultenojn por gazetoj se vi anticipe ne esploris ĉu je la fino de iu paĝo ekzistas korekto por antaŭa bulteno.

9.00 I.S.U. okazigis prelegon de d-ro Hideo Shinoda pri la temo: "Ĉu viro aŭ virino estas denaske destinita?" Partoprenis 80 personoj. Resumon vidu en kongresa libro p. 3.

9.00 KOMITATO DE UEA kunsidis sub prezido de Prof. D-ro Ivo Lapenna. Oni traktis respondon de la estraro de TEJO al la decido de la Komitato, kongresan rezolucion kaj laboron de unuopaj komisionoj. Respondo de la Estraro de TEJo al la decido de la Komitato (ke okazu komuna kunveno inter Estraro de UEA kaj Estraro de TEJO, longa kaj vigla debato pri la rifuzo de la Estraro de TEJO plenumi la decidon de la Komitato alvenis al la konkludo. la Komitato kun bedaŭro konstatas la rifuzon kaj per plimulto de voĉoj (33 por, 4 sindetenoj kaj 5 kontraŭ) ĉesigas la debaton ĝis la interparoloj inter la Direktoro de la C. O. kaj la Estrarano pri la junularo (farotaj laŭ decido de la Estraro de UEA) prezentos konkretajn proponojn.

9.00 I. S. A. E. okazigis kunvenon sub prezido de D-ro Wim De Smet. Partoprenis 51 personoj el 19 landoj. Oni ĉefe diskutis pri rilatoj inter ISAE kaj aliaj Esperantlingvaj sciencaj organizoj.

9.00 SKOLTA ESPERANTISTA LIGO (SEL) kunsidis sub prezido de s-ro H. Rössler, Germ. kaj kun partopreno de 33 personoj el 12 landoj. Oni leviĝis memore al la mortinta prez. Douglas Murphy, sekvis saluto de la nova prez. John Berggreen, Norvegujo, laŭtlego de la skolta leĝo, sinprezento de la ĉeestantoj, raporto de la prez., diskuto, fina kantado.

9.00 INT. POŜTISTA KAJ TELEKOMUNIKISTA ASOCIO (raporto ne atingis la KGS-on)

11.00 I. S. U. aranĝis prelegon de Prof. Paul Neergaard. Temo: "Universitato kun Esperanto kiel instrulingvo". Ĝin atente aŭskultis proks. 300 personoj el multaj landoj. (Resumon vidu en Kongresa Libro)

11.00 TURISMA ESPERANTO-ORGANIZAJO okazigis sian fondkunvenon sub gvido de s-ro Erik Carlén. Partoprenis 56 personoj el 17 landoj. Kiel prezidanton oni elektis s-ron Carlen. Organo: "Turisma Mondo". (Estis tralegita raporto kiun ni aldonas.)

11.00 INTERNACIO DE MILITREZISTANTOJ kunsidis kun partopreno de 30 pers. sub gvido de s-ro Fred Parker. S-ro H. F. Birg, ekspreз. de IMR, prelegis pri Revolucio kaj Neperforto. Li priskribis la hodiaŭajn rilatojn inter milito kaj sociaj politikaj cirkonstancoj kaj emfazis la neceson de revolucio por forpeli la militon, sed ĉi tia revolucio devus esti neperforta.

11.00 INT.LIGO DE FOTO-KINO-MAGNETOFON-AMATOROJ akceptis en sia malgranda kunsido la decidon, ke UEA fondu Fakon pri Diapozitivserio-interŝanĝo kaj interŝanĝo de sonbendo-bobenoj, kaj ke UEA elektu respondeculojn por tio.

12.30 OFICIALA AKCEPTO fare de la FRG-ambasadoro en Vieno. Partoprenis 6 delegitoj (Moritz, D-ro Bormann, Sonnabend, Klinder jr., Schmid-Augsburg, Becker). La akcepto daŭris 1 horon. La ambasadoro parolante kiel privatulo favoris la anglan sed poste konvinkiĝis dirante tamen: "Sie haben recht, kriegen aber nicht Recht" (vi estas pravaj, sed oni ne donos al vi aprobon).

14.00 KUNVENO de reprezentantoj de fakaj asocioj, delegitoj kaj fakdelegitoj de UEA okazis sub prezido de Prof. D-ro Ivo Lapenna kaj D-ro Sadler. Partoprenis proks. 150 pers. La tagordo konsistis el prezento pri la rolo de fakaj organizaĵoj en la Esp.-movado. Prof. D-ro Lapenna emfazis la necesоn, ke esperantistoj nepre agu en sia faka medio, kaj li petis ke unue parolu reprezentantoj de fakaj organizaĵoj. En la fino de la kunsido oni akceptis la rekomendon de s-ro Grattapaglia, ke reprezentantoj de fakaj organizaĵoj organizu en kongres-urbo renkontiĝon kun kolegoj samfakuloj neesperantistaj. (daŭrigo)

Rezolucio aprobas ambaŭ raportojn (Prof. Lapenna pri fakaj asocioj kaj D-ro Sadler pri ideala funkcio de delegito), kun intereso aŭdis ĉiujn problemojn tuŝitajn en la diskuto kaj rekomendas realigi la sugestojn el la raportoj.

Rezolucio de la kunveno: La kunveno de reprezentantoj de fakaj asocioj, ĉefdelegitoj, delegitoj kaj fakdelegitoj de UEA, okazinta la 7-an de aŭgusto 1970, en la ĉeesto de 190 reprezentantoj kaj delegitoj,
Aŭdinte la enkondukajn raportojn pri (a) La rolo de la fakaj asocioj kaj fakdelegitoj, prezentitan de Prof. I. Lapenna, kaj (b) La funkcio de delegito de UEA, prezentitan de D-ro V. Sadler;
post diskuto, en kiu partoprenis 15 personoj, decidis:
1) Aprobi ambaŭ raportojn kaj (a) rekomendi al ĉiuj fakaj organizaĵoj intensigi sian laboron konforme al la raporto de prof. Lapenna kaj la Dua Baza Laborplano de UEA, precipe la artikoloj 14 kaj 27, (b) rekomendi al delegitoj realigi laŭ la ebleco la sugestojn entenantajn en la raporto de D-ro Sadler,
2) Realigi la sugestojn esprimitajn en la diskuto kaj aprobitajn de la kunveno, konforme al la protokolo;
3) Komuniki la rekomendojn de la kunveno al ĉiuj fakaj organizaĵoj kaj publikigi resumon en la revuo "Esperanto";
4) Rekomendi al la Estraro de UEA konsideri la eblecon publikigi broŝuron kun esencaj sugestoj rilate la agadon en sciencaj kaj fakaj medioj, kiel ankaŭ rilate la funkcion de delegito de UEA.

.00 EŬROPA AGADO organizis kunvenon sub prezido de D-ro W. Bormann. Partoprenis proks. 50 personoj. Estis prezentiaj raporto de la Landaj Asocioj kaj diskutado de diversaj proponoj. Je la fino oni akceptis la decidon: La "Eŭropa Komisiono" de 3 Landaj Esp.-Asocioj (UFE, IEF, GEA) fondis la "Kunordigan Komitaton por Esperanto en la Eŭropa Integriĝo" kaj komisiis la italan komisionon por la periodo de UK-Vieno ĝis UK-Londono la kunordigon.
.00 LA ESPERANTO-SOCIETO DE SPIRITISTOJ okazigis kunvenon sub prezido de s-ro Holmes kaj partopreno de 70 personoj. Okazis prelego pri la temo "La utiligo de psikaj fenomenoj en ĉiutagaj aferoj". Proks. 15 personoj faris demandojn.
.00 LKK 57-A UK okazigis kunvenon sub prezido de KKS s-ro Novan kaj partopreno de 20 personoj. Oni diskutis la aferojn kaj problemojn de la 57-a UK.
6.00 DUA GENERALA KUNVENO DE UEA pridiskutis la temon "La Internacia Lingvo kiel instrumento por eduko al internacia konceptado de la mondo (okaze de la Internacia Jaro de Edukado). Vidu aparte aldonitan cirkuleran informon.
9.00 INTERNACIA ARTA VESPERO okazis en salono Zamenhof kun varia programo kaj bona sukceso.

* * *

Kelkaj Bultenoj estis skribitaj lastmomente en hasto kaj ni ne sukcesis korekti facile diveneblajn erarojn. Ni afable petas fari tion mem. Dankon.

Solena Fermo de la 55-a U.K.de Esp-o

Je la 10,15 la prez. de UEA Prof.D-ro Ivo Lapenna komence de la ferma kunveno omaĝis la mortintan honoran prezidanton de UEA S-ron E.Malmgren kaj aliajn mortintajn s-anojn.Post tio esprimis bondezirojn al la ĉefdelegito de UEA S-ro Rentmeister kiu hodiaŭ festas sian oran geedziĝan jubileon (aplaudo!).

Sekvis raporto de ĝen.sekr. de UEA S-ro G.Becker, kiu skizis la laboron plenumitan en tri sekcioj, unuopaj fakaj kunvenoj, en la komitataj kunsidoj (4) kiuj daŭris dum multaj horoj. La Komitato akceptis buĝeton por 1970, estis fondita Turisma E-organizaĵo,kaj je la fino li petis ke la Kongreso havu efikon pere de nacilingvaj gazetoj ankaŭ post la fermo de la Kongreso.

Prof.D-ro Ivo Lapenna informis ke surbaze de la ĉefaj decidoj de la Komitato estas farita rezolucio, kiun li tralegis kaj la kongresanoj akceptis kun aplaudo (vidu Aldonon al ĉi tiu bulteno). Fine li substrekis ke ni devas penetri en la ŝlosilajn poziciojn de kultura vivo.

La prez. de Belarta Konkurso S-ro Waringhien resumis la rezultojn (vidu Bult. 2, p.1). Diplomoj estos senditaj el la CO de UEA. Post tio li informis ke ĵus aperis impona verkego Plena Ilustrita Vortaro kies autoro estas S-ro Waringhien, kiu en tiu laboro enmetis sian tutan talenton,kaj tiu verko markas eraon en la historio de Internacia Lingvo. Tial ĉiuj niaj verkistoj devos konsulti tiun verkegon, kiun eldonis SAT, al kies Kongreso la prezidanto de UEA la unuan fojon partoprenis kaj salutis nome de UEA.

D-ro Tonkin informis pri la rezultoj de la Oratora Konkurso (vidu Bultenon 3,p.1) kaj al la venkinto S-ro Duncan Charters (Brito vivanta en Usono) estis transdonita la pokalo "D-ro Ivo Lapenna".

S-ro G.Becker dankis pro evoluigo de la Lingvo al Pola Radio kaj al Sro Petyn transdonis la ekzempleron de PIV. Kiam oni menciis la fakton ke 20an de augusto plenumiĝos 5000-a elsendo en Esperanto de Pola Radio sekvis tondra aplaudo.

S-ro Petyn dankis al la Estraro de UEA pro la belega donaco kaj rekono, kaj la auskultantojn petis de tempo al tempo doni vivsignon per letero aŭ simpla poŝtkarto.

S-ro G.Becker petis skribi dankpoŝtkarton ankaŭ al radio Vieno kiu havis antaŭ nelonge 1500-an elsendon en Esperanto sub gvido de S-ro Emil Vokal (aplaudego!), al kio aldonis D-ro Lapenna ankaŭ ĉiujn aliajn radiostaciojn kiuj elsendas en Esperanto. D-ro Lapenna dankis al tuta LKK gvidinte kun ĝia prezidanto D-ro L.Grimme, al KKS S-ro Mikulaŝ Novan (audiĝis voĉo el la publiko, ebla de aktoro Rytjkov: martiro kaj heroo!), al D-ro Sadler, Gazetara Servo (S-ro Marinko Giveje kaj liaj helpantoj) kaj al organizantoj de Infana kongreseto kaj fine kaj plej kore al la Prezidento de la Respubliko kiu per sia ĉeesto donis grandan prestiĝon al la Kongreso.

La prezidanto de LKK D-ro Grimme dankis al ĉiuj kaj transdonis la kongresan flakon (simbole la malgrandan) al ges-anoj el Anglujo, al knabino Ĉojo Markarian kaj la prez. de LKK de la 56-a U.K. en Londono S-ro D-ro J.C.Wells, kiu invitis al la ĉefurbo de Anglujo - Londono, kies E-klubo havas pli ol 200 esperantistojn pretajn okupi diversajn taskojn dum la Kongreso. Kongresejon ni elektis - li diris - kolegion de Londona Universitato; bela programo de ekskursoj, mondfamaj vidindaĵoj atendas la kongresanojn.Fine li montris la kongresan afiŝon.

Prof. D-ro Lapenna ĝe la fino emfazis la gravecon de UEA ( UEA ja estas ni ĉiuj) por antaŭenigo de Esperanto en la mondon, kaj konsiderante la fortojn kaj rimedojn kiujn ni havas ne estis eble fari pli multe. Malgraŭ la plialtiĝo de kostoj ĉie en la mondo - por kio ne kulpas la esperantistoj - ni ne plialtigis la kotizon - substrekis la prezidanto. Post tio la prezidanto alvokis al abono kaj abonigo de landaj bibliotekoj kaj institucioj al la revuo "La Monda Lingvoproblemo" kaj apelaciis kontribui donace al tiu revuo.

Je la fino la vicprez. de UEA S-ro Wensing substrekis ke Prof. D-ro Ivo Lapenna estas la plej universala esperantisto kiun nia movado konas: samtempe organizanto, oratoro, verkisto, juristo kaj viro de granda formato, kiu pilotis ankaŭ ĉi tiun kongreson tre lerte tra la tempestoj. Ni dankudiris la vicprezidanto Wensing - al tiu viro unuflanke insultata sed aliflanke laŭdata kaj adorata, kaj konsciu la vortojn de D-ro Chiussi: Se Lapenna ne ekzistus, ni devus eltrovi ĝin!" Sekvis himno.

Per la martelbato de la prezidanto la Kongreso fermiĝis.

* * * *

DIVERSAJ INFORMOJ:

La 4-an de aug.en la Pola Legejo en Vieno okazis akcepto por kongresanoj (ĉeestis 70 el 21 landoj). Dum la akcepto oni prezentis la dokumentan filmon pri la 44-a U.K. en Varsovio kaj du filmojn pri Pollando kaj servis dolĉaĵojn kaj vinon.

* POLAJ RADIO, TELEVIDO kaj GAZETARO pri la Kongreso: UK-on en Vieno ĉeestis speciala sendito de la Esperanto-redakcio de la Pola Radio, red. Andrzej Pettyn kiu perkable sendis sonraportaĵojn pri la aranĝoj kongresaj. La raportaĵo pri la inaŭguro konsisitis i.a. el la tuta parolado de D-ro Franz Jonas kaj 12-minuta dua parto de la parolado de prof. Lapenna, PR dissaudigis du fojojn. Oni amplekse informis pri la aliaj aranĝoj kaj aŭdigis 25-minutan programon pri la solena fermo. La pola kongresdelegacio estis en konstanta ĉiutaga kontakto kun vienaj reprezentantoj de polaj Pres-Agentejo PAP kaj INTERPRESS-agentejo, kiuj ĉiutage raportis pri la Kongreso. Flank'al tio en multaj centraj kaj regionaj ĵurnaloj en Pollando kaj en tutlanda radioprogramo kaj televido aperis foje eĉ amplekssaj prikongresaj raportoj.

* Jaŭdon la 6-an S-ro Mark Starr laŭ mandato de sia Sindikata filio (Amerika Federacio de Instruistoj) vizitis la Aŭstrian sindikataron kaj longe intervjuis Erich Hummel, estron de la edukadfako.

* En vilao de prof.Eugen Wüster,rektoro de ISU, okazis 6-an de aug. kunveno de 8 personoj el 6 landoj (Prof.Noergaard, Bokarev,Regulo Pérez, d-roj Wells, Falla, Bormann,S-ro Blanke,Szerdahely).

* * * *

DANKON al ĉiuj helpantoj en Gazetara Servo esprimas la estro de Kongresa Gazetara Servo (E-branĉo) Marinko Ĝivoje.

Jen la nomoj de laborantoj en la Gazetara Servo: D-ro Klaus Perko,komisiito pri informado flanke de LKK, Momo Kratić (Niš,Jugoslavio), Petro Rados (Budapest, Hungario) , Geedzoj Schmid (Augsburg, Germanujo), Geedzoj Bormann (Hamburg, Germanujo), Brigitte Sommler (Stutgart, Germanujo), Hermann Behrmann (Löhne, Germanjo) k.a.

Dezirinde sendi gazeteltondaĵojn el naciilingvaj gazetoj kie aperis informoj pri la Kongreso al Aŭstria Esperanto-Federacio, Fünfhausgasse 16, Wien 15.
Estro de Gazetara Servo: Marinko Ĝivoje
(Zagreb, Jugoslavio)

## KONGRESAJ REZOLUCIOJ

La 55-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Vieno de la 1-a ĝis la 8-a de Aŭgusto 1970, inaŭgurita la 2-an de Aŭgusto de Lia Moŝto la Prezidento de Aŭstrio en la ĉeesto de oficialaj reprezentantoj de 16 Ŝtatoj kaj de 1986 reprezentantoj de la Esperanto-movado el 46 landoj, memorigis la 25-jaran datrevenon de la fondiĝo de UN kaj pritraktis kiel ĉefajn temojn
a) la rolon de la Internacia Lingvo kiel instrumento por edukado al internacia konceptado de la mondo (en ligo kun la Internacia Jaro de Edukado), kaj
b) la esencajn trajtojn de la lingva problemo en la scienco.

I

La Kongreso

1. Konstatas la fakton, ke, unuflanke, pro la enormaj materiaj fortoj, kreitaj ĉefe de la modernaj scienco kaj teknologio, la homaro por la unua fojo en sia historio objektive kaj reale fariĝis unu sola monda komunaĵo de popoloj kaj individuoj, sed ke, aliflanke, ĝi ankoraŭ ne trovis internaciajn sociajn, politikajn kaj kulturajn instituciojn, adekvatajn al atingoj de scienco kaj teknologio; tial el morala - intelekta vidpunkto la homaro certe ne transformiĝis en unusolan komunaĵon de popoloj kaj individuoj.

2. Rigardas la malharmonion inter la grandiozaj sciencaj atingoj kaj la konsiderinde postrestintaj formoj de socia-politika kunvivado kiel unu el la fundamentaj antagonismoj de la nuntempo en mondaj dimensioj.

3. Esprimas la konvinkon, ke necesas urĝe kaj konscie rapidigi la procezon de morala-intelekta integriĝo de la homaro sur pli alta ŝtupo por adapti ĝian subjektivan sintenon al la objektivaj kondiĉoj, nome al la materiaj fortoj kiujn ĝi kreis, sed kiujn ĝi ankoraŭ ne lernis kontroli.

4. Tial donas sian apogon al la Internacia Jaro de Edukado kaj al similaj iniciatoj, sed altiras la atenton de UN, UNESKO kaj la Ŝtatoj-membroj, ke ĉiuj ajn metodoj aplikataj en edukado al internacia kompreniĝo devas aŭ resti senefikaj aŭ doni nur minimumajn rezultojn, se oni ne venkos la lingvan obstaklon kiel fundamentan baron al interhoma komunikado de la popolaj amasoj, por kio la facila, nuancita kaj politike neŭtrala internacia lingvo Esperanto prezentiĝas kiel la sola racia solvo.

5. Komisias la Estraron de UEA kaj la landajn organizaĵojn komuniki tiun ĉi rezolucion al UN, UNESKO kaj al la Registaroj de ĉiuj Ŝtatoj de la mondo.

II

La Kongreso ankaŭ

1. Konstatas, ke la grandega progreso sur la kampo de scienco kaj teknologio necese kaŭzas rimarkindajn disbranĉiĝon kaj kreskantan specialiĝon laŭ la fakoj kaj subfakoj, kaj ke la procezo de specialiĝo reflektiĝas en konsiderinda kresko de fakaj terminoj, komplete aŭ preskaŭ tute nekonataj ekster koncernaj fakaj medioj, ke, aliflanke, la lingvo-diverseco obstaklas internaciajn interŝanĝojn de scioj, novaj malkovroj kaj spertoj, kaj malebligas aŭ malfaciligas personan komunikadon. Rezulte, la lingva problemo sentiĝas ĉiam pli forte en ĉiuj branĉoj de la scienco kaj en ĉiuj fakoj.

2. Rekomendas al la sciencaj kaj fakaj Esperanto-organizaĵoj intensigi sian agadon en siaj respektivaj medioj aplikante al sia laboro la koncernajn punktojn de la Dua Baza Laborplano de UEA kaj la decidojn de la kunveno de la reprezentantoj de fakaj organizaĵoj, fakdelegitoj kaj delegitoj, okazinta dum la Kongreso.

3. Alvokas ĉiujn Esperanto-organizaĵojn apliki kiel eble plej multe modernajn, sciencajn metodojn en la laboro por plia disvastigo de la Internacia Lingvo kaj utiligi tiucele unuavice la publikaĵojn kaj la dokumentojn de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvoproblemo, kaj la materialojn publikigitajn en ĝia periodaĵo "La Monda Lingvoproblemo".

- KOMISIONO PRI TURISMO -

R A P O R T O

La komisiono, konsistanta el s-roj Grattapaglia, Rentmeister kaj Pechan rimarkis ke :

1-e) - Ankaŭ dum la pasinta jaro, depost la kongreso en Helsinki, daŭris favora sinteno por Esperanto flanke de pluraj turismaj instancoj, kiuj eldonis informojn kaj prospektojn en Lingvo Internacia. Ofte, tamen, grandaj stokoj de tiaj presaĵoj restas ne utiligataj, ĉar la eldonintoj ne kapablas ekspluati la normalajn inform-kanalojn de nia movado kaj ne sendas recenz-ekzemplerojn al nia gazetaro.

2-e) - Mankis entute tiu kunordigo de nia laboro en la turisma kampo rekomendita dum la kongreso en Helsinki kaj ankaŭ la efiko de revuo "Turista Mondo" estas tre modesta, ĉar ĝi tre sporade aperas.

3-e) - La laboro de I.E.K.A. ( Internacia Esperanto-Klubo Aŭtomobilista), ligita laŭsence al turismo, kontentige evoluis por reakiri la perditajn poziciojn kaj starigi sur pli konkretaj bazoj. La membronombro de la klubo sumas nuntempe je 500 el 24 landoj kaj oni klopodas vastigi la reton de niaj Landaj Reprezentantoj kaj de U.E.A. -fakdelegitoj. Gazetara Servo por ne-esperantistaj aŭtomobilistaj revuoj ekfunkciis dum la pasintaj monatoj kaj komunikoj senditaj al 37 aŭto-revuoj en 8 landoj jam donis esperigajn rezultojn.
Oficiala akcepto de delegacio de IEKA ĉe Aŭstria Motor-Turisma Klubo (Ö.A.M.T.C.), okaze dum nia kongreso kaj artikolo pri Esperanto en aŭtomobilismo tre verŝajne aperos en la faka revuo de tiu grava organizaĵo.

La komisiono rekomendas al la Komitato :

1-e) - Subteni la eventualan starigon de Turisma Esperanto-Asocio kiu konvene instrukciu la pli ol 200 fak-delegitojn de UEA por turismo,kiamaniere oportune agadi ĉe lokaj turismaj instancoj por akiri kaj ĉefe konservi favoran pozicion por Esperanto.

2-e) - Eviti, dum la estontaj U.K., ke turismaj aŭ ĉiaspecaj komercaj instancoj ekspluatu la potencialan aĉetopovon de esperantistoj por enŝovo en la kongresan dokumentujon de ne esperantlingvaj eldonaĵoj aŭ ke, eĉ pli skandalo, oni prezentu, dum oficialaj programeroj, filmojn en hispana, germana,k.a. lingvoj, kiel bedaŭrinde okazis en Vieno !!

3-e) - Daŭrigi, kiel ĝis nun, la necesan helpon al Internacia Esperanto-Klubo Aŭtomobilista, ĉefe por publikigo de komunikoj en revuo "Esperanto", ĝis kiam la klubo ne povos mem eldoni propran informilon.

redaktis : G. Grattapaglia

55-a Universala Kongreso de Esperanto
Fünfhausgasse 16, Wien 15

Zusammenfassung des Programmes

des 55.Esperanto-Weltkongresses,Sofiensäle Wien 1.-8.8.1970

Die Esperanto-Weltkongresse werden vom Esperanto-Weltbund veranstaltet,das ist die Weltorganisation zur Förderung der Internationalen Sprache Esperanto.Der Kongreß,der jedes Jahr in einem anderen Land stattfindet,bezweckt,die aktuellen Probleme in der Förderung des Esperanto zu studieren und gleichzeitig mit einem großen internationalen Treffen die Gefühle der Solidarität unter allen Menschen verschiedener Länder,die die internationale Sprache sprechen,zu stärken und zu verbreiten.

Wenngleich die zentrale Organisation der Kongresse dem Esperanto-Weltbund und seinem Zentralbüro in Rotterdam (Holland) obliegt,so werden die Kongresse gewöhnlich doch auf Einladung einer Landes-oder Ortsorganisation (im vorliegenden Falle des österreichischen Esperantisten-Verbandes ) und in Zusammenarbeit mit einem örtlichen Organisationsausschuß veranstaltet.

Das Kongreßprogramm kann man am besten in drei Gruppen einteilen:

I.Arbeitssitzungen: Die nach ihrer Beschlußkraft wichtigsten Sitzungen sind die des Vorstandes des Esperanto-Weltbundes. Dieser besteht aus 8 Personen aus verschiedenen Ländern und hält in seinen Händen die zentrale Führung der in aller Welt entfalteten Tätigkeit zur allgemeinen Einführung der Internationalen Sprache. Die Sitzung in Wien ist natürlich nur eine von mehreren regelmäßigen Zusammenkünften des Vorstandes während des Jahres.Bei der Pressekonferenz in Wien werden mehrere Vorstandsmitglieder anwesend sein.

Nur einmal jährlich - im Rahmen des Welkongresses - kommt der Ausschuß des Esperanto-Weltbundes zusammen. Dieser ist sozusagen das Parlament der Bewegung. Seine 70 Mitglieder werden teils von den Esperanto-Landesverbänden teils von individuellen örtlichen Vertretern des Esperanto-Weltbundes (mittels einer Abstimmung in der ganzen Welt ) gewählt.In Wien wird der Ausschuß auch die in der Schlußsitzung (8.8.70) vorgelegten Kongreßbeschlüsse formulieren und zur Abstimmung bringen.

Umfangreicher sind die Diskussionen der Generalversammlungen, wie schon ihr Name sagt.In ihnen haben alle Kongreßteilnehmer das Recht mitzureden. Andererseits haben ihre Beschlüsse nur den Charakter von Empfehlungen.Das Hauptthema der diesjährigen Generalversammlung ist: "Die Internationale Sprache als Mittel der Erziehung zu einer internationalen Auffassung der Welt."Sie wird in Verbindung mit dem Internationalen Jahr der Erziehung stattfinden.

Einen besonders guten Einblick in das Herz des Kongresses gibt die feierliche Eröffnung Sonntag,den 2.August.Sie ist selbstverständlich in erster Linie ein formales Ereignis,aber die persönliche Anwesenheit des Herrn Bundespräsidenten von Oesterreich,Dr.Franz Jonas,der Regierungsvertreter und anderer hochgestellter Personen gibt ihr eine besondere Bedeutung.

Außerdem gibt die bunte Reihe der Begrüßungsansprachen seitens der Vertreter aller Esperanto-Landesorganisationen,die an dem Kongreß teilnehmen,eine Vorstellung von der weltweiten Struktur der Bewegung und die Gelegenheit festzustellen,wie einheitlich die Internationale Sprache im Munde der Menschen aus allen Teilen der Welt klingt. Der traditionelle Gipfelpunkt der Eröffnungsfeier ist die sogenannte Festrede,in welcher der aktuelle Aufgabenkreis der Esperantobewegung zusammengefaßt wird.Die Festrede in Wien wird vom Präsidenten des Esperanto-Weltbundes,Prof.Dr.Ivo Lapenna,gehalten werden.

Ferner sind in der Gruppe Arbeitssitzungen die Zusammenkünfte der fachlichen und der nicht-neutralen Organisationen zu erwähnen. Diese Fachverbände und andere,die mit dem Esperanto-Weltbund zusam-

arbeiten,halten regelmäßig im Rahmen des Weltkongresses Sitzungen ab. Heuer werden auf diese Weise u.a.zusammenkommen:die Esperanto-Akademie und folgende esperantistische Organisationen: Aerzte,Automobilisten, Bibelforscher,Eisenbahner,Juristen,Katholiken,Lehrer,Musiker,Ornithologen,Philatelisten,Philologen,Photoamateure,Pfadfinder,Postler,Protestanten,Quäker,Radioamateure,Spiritisten,Studenten,Weltbürger,Wissenschaftler u.a.Alle diese Zusammenkünfte werden eigene Beschlüsse und Empfehlungen aufstellen,welche aber nicht zu den offiziellen Beschlüssen des Kongresses selbst zählen.

II.Kulturelle Veranstaltungen:

Das diesjährige Kongreßprogramm enthält zwei Hauptgruppen kultureller Veranstaltungen:Theatervorstellungen und die "Internationale Sommeruniversität". Von dieser letzteren gibt es ein ausführliches Programm in Esperanto und Deutsch,das allen Interessenten zur Verfügung steht.- Die offiziellen Theatervorstellungen (im Raimundtheater) werden von professionellen Schauspielern und Schauspielerinnen aus Polen und Bulgarien dargeboten.Sie stellen zwei vollständige Theaterstücke eines schwedischen und eines bulgarischen Verfassers dar.

Der Oesterreich-Abend,Sonntag,den 2.August,will dem Kongreßpublikum kaleidoskopartig österreichische und besonders Wiener Kultur vorführen.Zu dem Programm tragen u.a.bei:Prof.Dr.Wawrzik,Frau Elisabeth Spiller,die Volkstanzgruppe Klosterneuburg,ein Jagdhornquintett und ein Schrammelquartett.-Der internationale Kunstabend (Freitag,den 7.August) zeigt verschiedenartige Vorstellungen von polnischen,bulgarischen,finnischen,russischen,japanischen und selbstverständlich österreichischen Künstlern.

Schließlich sind noch die Wettbewerbe der schönen Künste und der Redner zu erwähnen.Die jährliche Veranstaltung der Wettbewerbe der schönen Künste macht die Ergebnisse der literarischen Wettbewerbe bekannt,an denen in der Regel 40 Autoren aus 15 Ländern teilnehmen.Die Wettbewerbe umfassen die Zweige Poesie,Novellistik und Theater.Es findet auch eine Deklamation der ausgezeichneten Werke statt.

III.Festveranstaltungen:

Unter den Festveranstaltungen nimmt eine besonders ausgezeichnete Stellung der offizielle Empfang durch den Herrn Bürgermeister der Stadt Wien im Rathaus ein.Außerdem finden statt:ein offizielles Bankett, ein internationaler Ball und Abende des Einanderkennenlernens sowie der Jugend.

Zuletzt,außerhalb der drei angeführten Hauptgruppen,sind noch die Gottesdienste (ein katholischer und ein protestantischer) und die verschiedenen Ausflüge zu erwähnen: zum Neusiedler-See,in die Wachau,auf die Rax,auf den Semmering usw.-

Salutparolado de D-ro h.c. FRANZ JONAS,

Ŝtatprezidanto de Aŭstrujo kaj Alta Protektando de la Kongreso

Tre ŝatata prezidantaro, tre ŝatataj sinjorinoj kaj sinjoroj, La kvindek-kvina Universala Kongreso de Esperanto unuigas en Vieno dumil adeptojn de la Internacia Lingvo (Esperanto). Tio estas bonvena okazo por la Federacia Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, saluti la kongresanojn nome de la aŭstria popolo, kaj ankaŭ saluti ilin kiel samideano.

Vi estas gastoj en lando, kiu ĉiam estis favora al Esperanto kaj instigis la movadon en kelkaj direktoj. En la jaro 1904 jam okazis en Graz la unua aŭstria Esperanto-kongreso; do unu jaro antaŭ la unua Universala Kongreso de Esperanto en Bolonjo-sur-maro, en kiu Zamenhof parolis sian faman inaŭguran paroladon. Intertempe okazis en nia lando jam du kongresoj de la Universala Esperanto-Asocio, tio estas en la jaroj 1924 kaj 1936, kaj tri kongresoj de la Sennacieca Asocio Tutmonda, tio estas en 1925, 1955 kaj 1962.

Ekde la komenco, la movado en Aŭstrio sukcese evoluiĝis, sed bedaŭrinde interrompita dum la du mondmilitoj kaj malpermesata dum la aŭtokrataj reĝimoj. Tiel la Esperanto-movado travivis la saman sorton kiel multaj aliaj kulturmovadoj. Hodiaŭ denove ekzistas vigla Esperanto-movado kun diversaj branĉoj. Apud la Aŭstria Esperantista Federacio agas specialaj unuiĝoj de socialistoj kaj katolikoj, de fervojistoj kaj naturamikoj. Depost 1925 ekzistas en Aŭstrio Ŝtata Ekzamen-Komisiono kaj en la jaro 1929 estiĝis en Vieno la fama Internacia Esperanto-Muzeo. Post la lasta milito fondiĝis la Aŭstria Esperanto-Instituto kaj krome Asocio por internacia interkompreniĝo. Ekzistas ankaŭ pluraj gazetoj regule eperantaj.

Povas do esti, ke eksterlandaj samideanoj gratulas la aŭstriajn esperantistojn pro la bona stato de la movado. Sed, mi diros al vi, ke la aŭstriaj esperantistoj mem ne estas kontentaj. Ili sentas la samajn malfacilaĵojn kiel la samideanoj en aliaj landoj. Kvankam la internacia vivo fariĝas ĉiam pli intensa, la oficiala mondo daŭrigas la malnovajn kaj maltaŭgajn metodojn de lingva interkompreniĝo. Estas vero, ke la moderna tekniko helpas faciligi la taskon de la profesiaj tradukistoj dum kongresoj, sed ne pli. Iliaj teknikaj aparatoj estas maltaŭgaj iloj kompare kun la mondvasta farenda tasko, nome superi la lingvajn barojn inter la popoloj, inter milionoj da homoj. Tial la esperantistoj nuntempaj devas pensi kiel realistoj, ili devas pli varbi kaj per novaj rimedoj. Ili turnu sin ĉefe al la junularo, al ĉiuj intereuloj, ankaŭ al ĉiuj, kiuj estas respondecaj por la bonstato de la popoloj kaj ŝtatoj. Sed ĉar mi en tiu rilato mem faris multe da spertoj, mi avertas vin: ne atendu tro multe kaj ne postulu tro multe de la oficialaj funkciuloj, sed fidu pli la propran forton! Se la Esperantmovado estas forta, la oficialaj institucioj de si mem agnoskos ĝian gravecon kaj signifon.

La problemo de internacia helplingvo jam delonge ne plu estas nura teorio. Esperanto solvis tiun ĉi problemon, ĝi realigis la teorion kaj transigis ĝin al praktiko. Dum jardekoj en multaj landoj ne nur estas tradukitaj juvelaj verkoj el naciaj literaturoj, sed aperas ankaŭ multege da verkoj skribitaj originale en Esperanto. En multaj landoj aperas Esperanto-gazetoj, kiuj ne nur perfektigas la adeptojn en lingva rilato,

sed ankaŭ disvastigas valoran scion trans la etnikajn limojn, de kontinento al kontinento, tra la tuta mondo.

Esperanto ĝis nun sukcese trapasis ĉiujn ekzamenojn, al kiuj ĝi estis submetata flanke de scienco kaj tekniko, de politiko kaj komerco, de pedagogio kaj literaturo. Kian pruvon do pri la taŭgeco de Esperanto la dubantoj krome bezonas? Nur la propran sperton, propran sperton anstataŭ malsaĝa antaŭjuĝo!

Karaj gesinjoroj, la esperantistoj dum la pasintaj jardekoj konsekvence varbis por la ideo de interkompreniĝo per internacia helplingvo. Ili estis la profetoj de la movado. La nuna generacio de esperantistoj jam estas la pioniroj de Esperanto en praktika vivo. Sed ili neniam forgesu, ke Esperanto ne nur estas rimedo por la ĉiutaga praktika vivo, sed ke ĝi estas eterne ligata al grandaj kaj altaj idealoj: al solidareco de la popoloj, al progreso de la homaro, al paco de la mondo!

Tiamaniere portante pluen la spiriton de humanismo, kiu ardigis ĝis nun tiom da esperantistoj, ni inaŭguru la kvindek-kvinan Universalan Kongreson de Esperanto. - Ni deziras al ĝi plenan sukceson kaj al la kongresanoj neforgeseblajn travivaĵojn en Aŭstrio.

FESTPAROLADO de Prof. D-ro Ivo Lapenna,
prezidanto de UEA, dum la 55-a U.K. de Esperanto

En tiu momento, kiam ni inaŭguras la laborojn de la 55a- Universala Kongreso de Esperanto, du faktoj trudas sin al niaj mensoj.

Ni vivas en epoko de grandaj transformiĝoj, laŭ la amplekso kaj intenseco neniam antaŭe spertitaj de la homaro. La homo - tiu fragila infano de la animala mondo, tiu iama timplena viktimo de potencaj naturaj fortoj, dependanta de la kapricoj de la elementoj - sukcesis, dank' al siaj laborkapablaj manoj kaj scivolema cerbo, ne nur savi kaj konservi sin, sed ankaŭ fariĝi mastro de la terglobo. Vere spektaklajn rezultojn li atingis en la daŭro de la du lastaj generacioj. En la 6-a jarcento antaŭ nia erao la antikvaj Grekoj ekmarŝis la vojon de scienca aventuro, kiu en niaj tagoj kondukis nin al la luno kaj en la senfinajn spacojn de la universo. Dum du jarmiloj kaj duono la homaro daŭre akiradis pacience kaj persiste, ereton post ereto, novajn sciojn pri sia ĉirkaŭaĵo - bedaŭrinde pli pri ĝi ol pri si mem - por atingi gigantan kulminon de tiu evoluprocezo en la 20-a jarcento, kiam la kvante akumulitaj scioj rezultigis vere revolucian salton en novan kvaliton. En nuraj sep jardekoj de tiu ĉi jarcento ni transiris de la aŭtomobila periodo, tra la aviadila periodo, tra la aviadila epoko, al la nuna tempo de spacveturado kun ĉiuj aliaj inkluzivitaj atingoj kaj sekvoj de tiuj koncizaj karakterizoj.

La nuklea energio kaj tuta aro da aliaj malkovroj en ĉiuj branĉoj de scienco kaj teknologio, daŭre kaj fulmrapide farantaj pluajn progresojn - tiu benoj aŭ malbenoj por la nunaj kaj estontaj generacioj depende de iliaj utiligo por la bono, aŭ de ilia misuzo por la malbono - kaŭzis tiajn radikalajn ŝanĝojn de la materia vivo, ke fakte ni jam eniris en esence novan eraon, malsaman ne laŭgrade, sed laŭspece de kio iajn alia en la tuta historio, kvankam ankoraŭ tre malmultaj efektive sentas kaj kapablas koncepti tion.

Pro la enormaj materiaj fortoj, pri kiuj ĝi disponas kaj kiuj samtempe prezentas kaj brilajn perspektivojn por prosperado de ĉiuj en paco kaj amika kunlaboro, kaj seriozan minacon de kompleta sindetruo, la homaro por la unua fojo objektive kaj reale fariĝis unusola monda komunaĵo de popoloj kaj individuoj. Tio estas la unua konstato.

II

En la lastaj kvindek jaroj okazis ankaŭ provoj ŝanĝi la politikan kaj juran strukturon de la mondo.

Meze de tiu ĝi eventoplena duona jarcento troviĝas la fondiĝo de la nova monda organizaĵo de Ŝtatoj. Precize antaŭ 25 jaroj, la 26-an de junio 1945, dum la ferma kunsido de la Konferenco en San Francisko, estis solene subskribita la Carto de UN. Kelkajn monatojn poste, en oktobro de la sama jaro, ĝi ekvalidis, kaj la 10an de januaro 1946 je la 4-a horo posttagmeze, en la Centra Halo de la fama Westminster Palaco en Londono, komenciĝis la Unua Sesio de la Generala Asembleo en la ĉeesto de la reprezentantoj de la 51 Ŝtatoj-membroj. UN ekaboris akompanata de sinceraj bondeziroj kaj grandaj esperoj de la tuta homaro ankoraŭ sanganta el miloj da apartaj, ne cikatriĝintaj vundegoj.

Nun la Organizaĵo, kies membraro pli ol duobliĝis, funkcias jam 25 jarojn. En la vivo de la homaro tio verŝajne estas malpli ol unu sekundo en la meza vivo de unuopa homo. Sed same kiel tiu unu sekundo aŭ eĉ ĝia frakcio povas esti fatala por la ekzisto de individuo, tiel same 25 jaroj, aŭ eĉ multe malpli, povas esti decidaj por la homaro.

Kio, do, okazis en tiuj ĉi 25 jaroj ?

La celoj de kiu ajn milito ne povas reflektiĝi, almenau ĝis certa grado, en organizo de la paco. El vidpunkto de la venkintaj Aliancanoj la Dua Granda Mondmilito havis defendan, liberigan karakteron. Milionaj amasoj sindone, kuraĝe, vere heroece luktis sur ĉiuj batalkampoj, kaj aliaj milionoj sin oferadis malantau la frontlinioj certe ne malpli kuraĝe kaj heroece, dum ĉiuj spertadis senfinajn korpajn suferojn kaj psikajn dolorojn, ne por subigi au sklavigi, sed por protekti sin mem kontrau la subigo kaj por liberigi ĉiujn.

En la Solena Enkonduko de la Carto emfaze eñas la inspiraj idealoj proklamitaj dum la milito: savi la estontajn generaciojn de tiu plago, kiu jam du fojojn en la dauro de unu homa vivo trudis al la homaro ne eldireblajn suferojn; rekonfirmi la fidon je la fundamentaj homaj rajtoj, je la digno kaj valoro de la homa persono, je la egalaj de viroj kaj virinoj kaj je suverena egaleco de ĉiuj nacioj, grandaj kaj malgrandaj; respektigi la devojn rezultantajn el traktatoj kaj aliaj fontoj de internacia juro; antauenigi socian progreson kaj atingi pli altan vivnivelon en pli granda libereco.

Ne estas ĉi tie la loko por esplori ĉu la idealoj fariĝis realo, almenau parte. Konciza analizo estos donita en la kadro de nia Internacia Somera Universitato. Sed necesas diri jam nun, ke UN ja havis plurajn sukcesojn en diversaj sferoj, sed bedaurinde tutcerte ne plenumis sian ĉefan kaj plej gravan taskon, nome la konservon de internaciaj paco kaj sekureco, la establon de tia mondo, en kiu ĉiu nacio, eĉ la plej malgranda, povus vivi, progresi kaj evoluigi sian identecon en paco kaj trankvilo; en kiu ĉiu individuo rajtus plene ĝui la fruktojn de daura paco; en kiu la gigantaj rezultoj de scienco kaj teknologio estus plene utiligataj ne por produktado de ĉiam pli terurai instrumentoj de detruado kaj eĉ de plena neniigo, sed por la bonfarto kaj feliĉo de ĉiuj. Dum 25 jaroj de funkciado de UN ne ekzistis unusola tago de paco en la tuta mondo. Eĉ en la nuna momento dudeko da pli au malpli grandaj militoj, kiujn oni eufemisme nomas armitaj konfliktoj au incidentoj, mortigas niajn homajn kunfratojn, detruas materiajn havaĵojn kaj dezertigas tutajn regionojn, dum milionoj plue suferas pro manko de nutraĵo, kaj vivoj de infanoj estingiĝas pro malsato. Tio ne estas mondo digna de la nomo Homo Sapiens; certe ne la mondo de justeco, kies vizio inspiris al superhomaj oferoj dum la lasta milito. Tio estas honto kaj krimo kontrau si mem, au, kiel U Thant, la Generala Sekretario de UN, esprimis sin iom pli singarde:"Progreso en la direkto de justeco kaj homa solidareco serioze postrestis malantau la scienca kaj teknika progreso."

La fakto estas, ke la homaro ankorau ne trovis sociajn, politikajn kaj eĉ kulturajn instituciojn, adekvatajn al la atingoj de la scienco kaj teknologio. Subjektive, nome el morala-intelekta vidpunkto, la homaro certe ne transformiĝis en unusolan komunaĵon de popoloj kaj individuoj. Kaj tio estas la dua konstato.

III

La malharmonio inter la grandiozaj atingoj de la scienco kaj teknologio unuflanke, kaj la konsiderinde postrestintaj formoj de socia-politika kunvivado aliflanke, sentiĝas ĉiam pli forte ne plu kiel nura malagrabla disonanco, sed rekte kiel unu el la fundamentaj sociaj antagonismoj de la nuntempo en mondaj dimensioj. Ni, la uzantoj de la Internacia Lingvo, sentas kaj perceptas tion multe pli ol la aliaj, ĉar tiu mirinda instrumento de internacia komunikado kaj potenca rimedo de vere internacia kompreniĝo obligas al ni konceptadi la homaron

kiel unuecan tuton. Ĝuste tial ni donas apogon al ĉiuj sinceraj kaj honestaj klopodoj, tute egale de kiu flanko ili venas, celantaj plibonigon de internaciaj rilatoj sur kiu ajn kampo: ekonomia, socia, politika, kultura aŭ alia. Tial ni kontribuas ankaŭ al la Internacia Jaro de Edukado, iniciatita de Unesko kaj aprobita de la Ĝenerala Asembleo de UN. Tion ni faras konforme al la komuna celo de tiu kampanjo, sed laŭ aparta programo, kiu respondas al la celoj kaj idealoj de la Esperanto-Movado. Interalie unu el la ĝeneralaj kunvenoj de la kongreso estos plene dediĉita al tiu ĉi demando. Necesas, tamen, akcenti la simplan veron, ke ĉiuj ajn metodoj aplikataj en edukado al internacia kompreniĝo devas aŭ resti plene senefikaj aŭ havi nur minimumajn rezultojn, se oni ne venkas la lingvan obstaklon kiel fundamentan baron al interhoma komunikado de la popolaj amasoj.

Kiel ĉiuj sociaj antagonismoj, ankaŭ la prezentita antagonismo inter la objektiva kunligiteco de la mondo kaj la foresto de subjektiva unueco ne nur povas, sed necese devas esti solvita. Nur du vojoj eblas: aŭ la kreskantaj eksplodaj tensioj kondukos al la fina katastrofo de ĉiuj, aŭ la homaro sukcesos rapidigi la procezon de sia morala-intelekta integriĝo sur pli alta ŝtupo, adaptante sian subjektivan sintenon al la objektivaj kondiĉoj, nome al la materiaj fortoj, kiujn ĝi mem kreis, sed kiujn ĝi ankoraŭ ne lernis kontroli. Superflue diri, ke por tia supera integriĝo surbaze de egaleco kaj en maksimuma libereco la utiligo kaj apliko de komuna neŭtrala homa lingvo estas unu el la plej gravaj faktoroj; mi kuraĝas diri eĉ pli: ĝi estas la esenca antaŭkondiĉo. Efektive, sen la ĝeneraliĝo de la uzo de Esperanto en internaciaj rilatoj de la popoloj tia integriĝo ne estas imagebla.

\+ + +

Ne sufiĉas nur pasive esperi, ke la homaro ekiros tiun ĝustan vojon, la solan kiu povas turni ĝin for de la abismo antaŭ kiu ĝi troviĝas. Aldone al firma fido necesas multege da konscia kaj respondeca laboro, bazita sur sciencaj esploroj kaj analizoj de la leĝoj regantaj la homan socion.

En nia konkreta situacio ne sufiĉas nur konscii pri la decida rolo de komuna lingvo en la procezo de integriĝo; nek sufiĉas nur ripoze kontentiĝi per ĉio jam kreita en la Internacia Lingvo aŭ pere de ĝi, kaj atendi, ke per si mem, tute spontane, la lingvo plue disvastiĝos kaj aŭtomate manifestos sian pozitivan funkcion. Ne precipe en nia aparta kazo ni ĉiuj kaj ĉiuj niaj organizaĵoj devas maksimume intensigi la klopodojn, utiligante plej racie la disponeblajn homajn fortojn kaj financajn rimedojn.

Ni vivas en moderna epoko de scienco kaj teknologio. Naŭdek procentoj de ĉiuj sciencistoj, kiuj iam ekzistis, vivas en la nuntempo. Nur science pruvitaj faktoj havas valoron kaj estas akceptataj. Sciencaj analizoj, objektivaj statistikoj kaj komputeroj regas kolektivojn kaj individuojn.

Tiu moderna mondo diktas al ni modernajn, science bazitajn labormetodojn en ĉiuj sencoj, sed ĉefe en du direktoj: unuflanke, scienca esplorado, dokumentado kaj analizado de ĉiuj aspektoj de la lingva problemo; aliflanke, evoluigo de la fakscienca vortara provizo kaj ĉiam pli ampleksa utiligado de la lingvo por fakaj sciencaj celoj. UEA jam agas laŭ siaj eblecoj en ambaŭ direktoj. Ĝia Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo kaj la elstara publikaĵo

"La Monda Lingvo-Problemo" jam produktis multnombraj sciencajn studojn, objektivajn dokumentojn kaj aliajn materialojn, kaj sukcesis multrilate korekti deformitajn imagojn kaj falsajn opiniojn. Aliflanke, pluraj el niaj organizaĵoj trafe evoluigas la lingvon en fakaj sferoj, publikigas fakajn periodaĵojn kaj penetras en fakajn mediojn. Ankaŭ dum tiu ĉi kongreso aparta kunveno pristudos tiujn demandojn kun la celo sistemigi kaj intensigi la laboron siru tiu kampo.

Scienco kaj teknologio mi ripetas, mastras kaj ĉiam pli mastras la homan socion. Ne nur la centraj organoj de UEA kaj kelkaj aliaj niaj institucioj en diversaj landoj, sed ĉiuj niaj organizaĵoj kaj instancoj apliku kiel eble plej efikajn sciencajn metodojn en ĉiuj siaj klopodoj kaj agadoj por disvastigo de la Internacia Lingvo, por ke ĝi povu plene ludi tiun rolon en la nuna mondo de scienceco, kiun ĝi meritas, kaj plenumi sian historian taskon en la integriĝo de la homaro surbaze de egaleco kaj justeco, sen previligioj por unuj kaj malavantaĝoj por aliaj, en libereco kaj prospero por ĉiuj.

Lau la notoj de la Gazetara Servo

( La parolado de D-ro Lapenna estis plurfoje interrompita per tondra aplaudo )